# Boletín

BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Aperanta de 1949



## Ĉefredaktoro

Antonio Marco Botella
Av. Compromiso de Caspe 27-29, 9º C
ES-50002 Zaragoza

## Redaktoroj kaj kunlaborantoj

Salvador Gumá Clavell
Miguel Fernández Martín
Vicente Hernández Llusera
Andres Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz
Antonio Valén Fernández



**Federación Española de Esperanto**
(Información y administración)

**Hispana Esperanto-Federacio**
(Informado kaj administrado)

Rodríguez San Pedro 13-3º-7
ES-28015 MADRID
Telefono + faksilo: +34-(9)1-446-80-79


## Estraro

*Prezidanto*: Antonio Alonso Núñez
*Sekretario*: Marcos Cruz Martín
*Vicprezidanto*: José Mª Galofré Domingo
*Kunordiganto:* Miguel Gutiérrez Adúriz
*Kasisto*: José Mª Bernabeu Franco
(Konto: 14.011.966 de Caja Postal)

---

*Kovrilo:* Antonio Valén en Venezuelo.

*Noto:* Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

---

## ENHAVO

# Hako post hako estas la plej efika atako

**(Proverbaro esperanta)**



# Silenta laboro

Jes, la Estraro laboras kaj daŭre klopodos teni informitaj la membrojn de la Asocio.

Kiel vi povos legi en ĉi numero de **Boletín**, s-ro Antonio Valén loĝos en Venezuelo dum iom da tempo; do por ne perdi tempon en la starigo de la perkoresponda kurso, HEF akceptis la sinproponon de s-ro Francisco del Pozo por traduki la uzotan verkon de Wells.

La kampanjo favore al la projekto **Mazi** bone prosperas. Laŭ la informoj prezentitaj de la oficiala respondeculo al la Estraro, Hispanio jam atingis sesdek antaŭmendojn, kaj ĝi fariĝis la lando, kie la kampanjo estis pli bone muntita kaj ricevis pli ampleksan apogon.

Ankoraŭ ne plene solviĝis la demando pri aĉeto de modemo por la komputilo de la centra oficejo de HEF. La sekretario daŭre pristudas la diversajn ekzistantajn eblojn, sed la tro ŝanĝema merkato faras malfacila la decidon.

Laŭ la peto de la kongreso, s-ro Miguel Gutiérrez jam preparis ampleksan dokumenton pri la aranĝado de kongresoj. Ĉi dokumento, kiun la Estraro devos aprobi en sia venonta kunveno, ne nur helpos la laboron de la estontaj kongresaj komitatoj, sed ankaŭ plifaciligos la rilatojn inter ili kaj la Federacio.

Alia decido de la Kongreso en Málaga, t.e. la apero en Boletín de unu paĝo pri ekonomikaj kaj komercaj aferoj, startis jam en la antaŭa numero de nia revuo. Tamen, ankoraŭ estas tro frue por taksi la ĝeneralan reagon de niaj membroj.

Sekvante alian rezolucion de la Kongreso, s-ro Hernández Yzal jam sendis al la provizora respondeculo pri instruado detalan liston de lernolibroj por kompletigi la estontan datenbankon de la Federacio tiukampe.

Alia komisiito, s-ro Juan Carlos Ruiz, jam komencis agadi rilate al la dosiero pri "Publike Utila Asocio". La konkludoj de liaj unuaj esploroj estis prezentitaj al la Estraro, kaj ili estos la bazo por nia estonta agado en tiu kampo.

Alia komisiono, kiu ekfunkcias, estas tiu pri konscienc-obĵetantojn. Fakte s-ro José Francisco del Pozo jam sendis al la HEF-oficejo ampleksan dosieron pri la postuloj de la ŝtato. Kompreneble, nun la komisiono devas studi la eventualajn eblecojn kaj la sekvindan strategion.

La Estraro, kune kun la tuta strukturo de Hispana Esperanto Federacio komencis decide paŝi en sia nova laborperiodo; tamen, nia tuta laboro valoros nenion, se la grupoj, kiuj kune kun la individuaj membroj ja estas niaj veraj subtenantoj, ne plenumas sian celon. Tial ni denove petas al la grupoj, ke ili sendu al la HEF-oficejo informojn pri siaj kursoj (kutimaj datoj, daŭro, prezo, ktp), ĉar nur kiam ni disponos ilin, HEF povos lanĉi nacian kampanjon.

Nu, tial ke neniu asocio povas dece plenumi siajn taskojn kaj firmigi sian laboron sen difinita nombro da membroj, ni plu insistas pri la neceso altigi la nombron de HEF-anoj. Jen denove do alvoko al niaj lokaj grupoj, asocioj kaj individuaj membroj: "ĉiu HEF-ano alligu novan membron".

*L.E.*

# Fundación Esperanto

# Kio estas fondaĵo?

Fondaĵo estas jura persono kreita por la plenumo de difinitaj celoj publikaj kaŭ privataj. Fakte, fondaĵo plenumas tiujn celojn nur parte, aŭ absolute ne prizorgataj de la ŝtato.

La anglodevenaj landoj havas longan tradicion rilate al fondaĵoj, ĉar iliaj ŝtatoj intervenas en la socio malpli ol tion faras la mediteraneaj.

En la mediteranea kulturo la socio esperas, ke la ŝtato solvu ĝiajn problemojn. Tial ĝi malfortas. Bona ekzemplo estas la esperantaj asocioj, kiuj tro multe fidas je la helpo de la ŝtato por atingi siajn celojn.

Nur danke al fortaj institucioj pure esperantaj, ni povos efike antaŭenpaŝi favore al Esperanto. Oni rimarku, ke la Ŝtato subvencias kaj helpas nur fortajn instituciojn, kaj la sola vojo por atingi fortajn esperantajn instituciojn estas la potencigo de *Fundación Esperanto*.

Antaŭ 20 jaroj la tiamaj hispanaj esperantistoj kreis gravan institucion, *Fundación Esperanto*, kaj ili agis trafe. Ni vidu kial.

Unue, ili evitis la estontan ekziston de problemoj inter la Federacio kaj la Fondaĵo, ĉar la Prezidanto de la Federacio estas samtempe prezidanto de la Fondaĵo, kaj li havas la rajton nomumi la plej grandan parton de la patronaro de *Fundación Esperanto*. Jen per tiu simpla mekanismo garantiiĝas unuecaj kriterio, agado kaj celoj.

Due, *Fundación Esperanto* havas kaj ĝeneralajn kaj specifajn celojn. Ni supozu ke esperantisto transdonas al ĝi unu milionon da pesetoj por provizi la bibliotekojn de lia regiono per vortaroj kaj gramatikoj. Nu, la Fondaĵo plenumus tiun konkretan celon, kaj investus tiun milionon da pesetoj por aĉetado de la memciitaj libroj, kaj ties posta disdonado al la koncernaj bibliotekoj.

Trie, la statutoj de la Fondaĵo permesas al siaj mastrumantoj disponi por burokrataj bezonoj *NUR* 10 elcenton el la enspezoj. Tiu brila solvo evitas, ke oni disipu la donacojn ĉe senefikaj elspezoj.

Nu, ni ne forgesu ke *Fundación Esperanto* estas iasence la banko de la hispana esperanto-movado. Ĝi estas ja nia financa institucio. Do, se ni volas kreski, ĝi devas nepre kreski.

*Juan Antonio Cabezos Martínez*
Advokato

# Pri Hispana-Esperanta Vortarego

# Vojaĝo al Venezuelo

"Acaso el esperanto no haya sido, no sea otra cosa que una mentira cautivadoramente brillante..."

*Juan Régulo Pérez*
(De una adopción y un homenaje)

Zaragoza, 14a de novembro, 1994

Kara leganto:

Jen letero por informi vin pri tio, ke de la 20a de novembro ĝis la 18a de decembro 1944 mi pasigos kvar semajnojn en Karakaso, gaste ĉe Fernando de Diego. Tre verŝajne, mi estos jam reveninta en Hispanion, kiam vi legos la nunan leteron kaj ĝuste tial, mi verkas ĝin: leteroj aspektas pli realismaj, ĉar ili kutime resendas al konkretaj datoj... kaj ĉu ne leteroj estas la plej ofta skriba formo en esperanto?

Nia redaktoro Antonio Marco, ĉiam laborigema -kaj mem laborema, komprenu bone!- petas, ke mi verku artikolon antaŭ mia ekveturo por klarigi la motivon de mia vojaĝo. Tia demando postulas du-nivelan respondon.

La memevidenta kialo simplas kaj helas, kiel la taga lumo: mi iros en Karakaso por labori pri la *Gran Diccionario Español-Esperanto* (provizora titolo), kiun de Diego kompilas de 1991. Ĝuste la kompilan laboron li finis komence de novembro; do jen la plej taŭga tempo por viziti lin kaj priparoli (eventuale pridecidi) mil kaj unu detalojn de lia vivo-verko, ĉar mi estas unu el liaj helpantoj. Mi responsas konkrete pri propraj nomoj kaj enkonduka gramatiko resuma, krom ĝenerala reviziado, specife frazeologia (parolturnoj, proverboj, ktp.). Do kredu-ne-kredu, Fernando de Diego finis la kompilan laboron de pli ol 60.000-kapvorta vortaro *unudirekta* en malpli ol kvar jaroj! Homoj sen faka scio pri leksikografio eble ne tro klare konscias, kion signifas kvar-jara redaktado de pli ol 60.000 kapvortoj: per sendimanĉa-senferia laboro, tio egalas al ĉirkaŭ 40 vortoj *ĉiutage* aŭ, se vi preferas, al unu vortar-paĝo da dense tajpita teksto... Ĉu vi eltenus tian forto-streĉon? Feliĉe, nia Fernando de Diego -kiu fariĝis 75-jara la pasintan 2an de novembro- ankoraŭ ne laciĝis kaj jene diras en sia lasta letero:

"Mi estas absolute mergita en mia vortara laboro, tiom, ke ĉiutage mi komencas leksikonumi je la sepa matene kaj finas proksimume je la sesa vespere, kun unuhora paŭzeto por rapida manĝo kaj ĵurnal-lego. Kaj des pli intense mi laboras, ĉar helo jam duonvidiĝas ĉe la elir-faŭko de la longa tunelo"

Certe ne por la unua fojo -kaj ne por la lasta- mi laŭdas la vortaregon de Fernando de Diego: ĝi markos mejloŝtonon ne nur en la historio de la hispanlingva esperantismo, sed ankaŭ en la ĝenerala historio de esperanto: tutsimple ne ekzistas, nek verŝajne ekzistos dum kelkaj jaroj, simila nacilingva-esperanta vortaro. La sola iel tanĝonta la grandon de nia *Gran Diccionario Español-Esperanto* estos la same unudirekta kaj baldaŭ eldonota *Grande Vocabolario Italiano-Esperanto* de Carlo Minnaja (50.000-kapvorta): verdire mi ankoraŭ ne komprenas, kial niaj italaj samideanoj turnas sin almoze ĉe la bonvolemaj mon-donacantoj, anstataŭ oferti antaŭmendan rabaton: ja ne nur italoj aliĝus al tia oferto... sed mi ne devojiĝu.



Antaŭe mi parolis pri dunivela respondo kaj la dua nivelo estas la emocia: la vojaĝo en Venezuelon signifas praktike labori pri (kaj ankaŭ por) la du lingvoj, kiujn mi plej amas kaj primastras; ĝi signifas viziti la *gurvon* de la t.n. ibera skolo (kaj komprenu ĝuste: Esperantujo koincidas multatrajte kun la sekto-mondo kaj ties mitoj, oni devas nur ekkonscii, tial mi parolas pri "*gurvo*" -aliaj parolus pri profetoj, papoj kaj dalailamaoj...); tiu vojaĝo signifas ŝancon eskapeti el la kutima plata -foje naŭze platega- esperanto-panoramo, vanta, pufeca, umbilikisma kaj apenaŭ kleriĝema... kaj ĝi finfine signifas eblon profundigi mian personan rilaton kun Fernando, kiun mi vizitis nur du fojojn en 1985, kiam li loĝis ankoraŭ en Hispanio. Vidu: mi ankoraŭ pentas, ke en la Varsovia UK de 1987, mi simple ne kuraĝis alparoli Régulo'n, tiom lia kariero imponis antaŭ miaj okuloj. Mi same ankoraŭ bedaŭras, ke antaŭ eble kvar aŭ kvin jaroj, mi iris al Barcelono nur por persone koni s-ron Waringhien, kiu promesis ĉeestadon dum la disdona ceremonio de la Floraj Ludoj... sed li finfine ne povis veni pro sia tro alta aĝo, kvankam li sendis kompense ĉarman salut-leteron. Trie, ĉiam ĉagrenis min la fakto ne konatiĝi kun Kaloksay, kvankam tio maleblis *simple tial*, ke li mortis, kiam mi estis dekunu-jara kaj ankoraŭ ne esperantistis. Tamen, mi ŝatintus, vere ŝatintus.

Esperēble, vi bone komprenas, kial mi ne volas fordormi la unuan okazon. Mi vidos, kia estas Fernando de Diego hejme, kiaj homoj ĉirkaŭas lin, kion li faras en la ĉiutagoj; mi ekkonos lian bibliotekon (ĉu ne la biblioteko difinas la homon?)... resume: mi scios iom pli pri homo, kiun mi delonge admiras. Ĉu eblus pli bona kialo por la vojaĝo? Lernotempo atendas min en Karakaso. Ĝis tiam, ricevu fortan brakumon

*Antonio Valén*

---



# Esperanto en la Universitato

La 22an de novembro, la Rektoro de la Universitato de Santiago akceptis nian Prezidanton, s-ron Antonio Alonso Núñez, kune kun du universitataj profesoroj apogantaj la e-aferon. La kunveno estis tre pozitiva kaj ĝi liveris principan decidon, kiun oni devas disvolvi nun. Cetere, ĝi ankaŭ montris, ke la Rektoro apogas, kiel lingvisto, la planojn prezentitajn de nia Prezidanto, kaj li decidis relanĉi ties projekton laŭ jenaj principoj:

a) Instruado de Esperanto laŭ universitata nivelo.
b) Helpo ĉe la eldonado de libroj destinitaj al la somerkursoj en Esperanto.
c) Unuaj somerkursoj en 1995, laŭ modesta nivelo en la komenco.

La kialoj por tiu apogo fontas el la agnosko de la akademiaj aŭtoritatoj pri la graveco de la projekto, kaj pri la laboro ĝis nun farita. Same gravas la pozitiva etoso kreita de pluraj faktoroj: la deklaroj de Umberto Eco, okaze de semiotika seminario en Santiago; la tiea prelego de la UEA-Prezidanto, prof. d-ro Jhon C. Wells, pri fonetiko; kaj la fakto ke, ĝuste en Santiago, la Asembleo de PEN-Klubo oficialigis sian Esperantan Sekcion.

*M. Díez Zocato*

# Strato d-ro Zamenhof



De kelkaj jaroj mi, kune kun S-ino Ana María Molera, kompilas verkon «Stratoj kun nomoj Zamenhof aŭ Esperanto», kiu enhavas nian scion pri tiuj stratoj en Hispanio; ni esperas, ke ĝi aperos post ne longe. Ankaŭ mi verkis antaŭ jaroj informon pri «Esperanto dum la hispana milito (1936—1939)», kaj pri ĉi temo mi parolis en la Valencia UK. Aliflanke, por kompletigi ĉi raporton, mi utiligis informojn kiuj aperis en lokaj ĵurnaloj.

En la 10a Nacia Kongreso de Esperanto, okazinta en Santander (Cantabria), kies honoran prezidantecon akceptis Niceto Alcalá Zamora y Torres[1], prezidanto de la dua hispana Respubliko, en ĉeesto de vicurbestro Jerónimo Campano estis inaŭgurata la 20an de aŭgusto 1933a strato «Calle del Dr. Zamenhof, aŭtor del Esperanto»[2]. Nun tiu strato nomiĝas Marqués del Arco. Aŭtoro de la tabulo estis la marmoristo, kaj esperantisto, S-ro Manuel San Emeterio Ajau.

Okaze de la hispana milito, malaperis multaj el la stratoj dediĉitaj ĉu al D-ro Zamenhof, ĉu al la lingvo Esperanto. Tiu forigo okazis ankaŭ en Santander, kie pastro, kiu eniris kun la venkintoj, retiris kaj rompis la tabulon de la strato dediĉita al D-ro Zamenhof, en aŭgusto 1937a.

Diversloke oni legas, ke en Santander (Cantabria) estas inaŭgurita en 1959 placo omaĝe al D-ro Zamenhof[3]. Tio ne okazis, eĉ ne ekzistas en tiu urbo placo aŭ strato sub tiu nomo.

Plurfoje la kantabra esperantistoj klopodis reakiri tiun straton, ĉiam sen sukceso. Eble plej kuraĝa el tiuj estis S-ro Luis de Otaola Faón, kantabro loĝanta dum multaj jaroj en Bilbao, kiu aperigis leteron sub titolo *«Desagra-*

*vio»*[4] kun peto al la urbestro restarigi la nomon de strato D-ro Zamenhof, sed vane. Tiu letero ne estas la unua de S-ro Otaola pri tiu afero, ĉar jam antaŭe li petis la samon.

Urano Macho, kiu partoprenis la inaŭguron, ankaŭ memorigis la iaman ekziston de strato D-ro Zamenhof[5], kaj eĉ poste priskribis la marmoran tabulon en alia letero, surbaze de persona informo de ĝia aŭtoro[6].

La raporto pri la okazigo de kunveno por celebri la datrevenon de D-ro Zamenhof, en 1986, ankaŭ memorigis la iaman ekziston de straton omaĝe al nia iniciatinto, D-ro Zamenhof, kaj petis straton kun ĝia nomo[7].

Lastatempe, pro financaj kaj impostaj kialoj, la urbestraro decidis rearanĝi kaj reordigi la stratojn kaj nomigi tiujn sennomajn. Ree la kantabra esperantistaro kaj ties regiona societo, *Asociación Cántabra de Esperanto*, profitis la ŝancon por peti la nomigon de strato D-ro Zamenhof. Ja ĝi ne petis restarigon de la antaŭa, sed nomigon de strato, ĉar en la nunaj cirkonstancoj estas pli facile atingi novan straton ol restarigi la antaŭan. Kaj, ni ĝojas sciigi al la esperantistaro ke laŭ niaj informoj estas certe, ke Santander ree havos straton D-ro Zamenhof. Komence de la venonta jaro, 1995, la urbestraro pritraktos tiun temon kaj decidos kiu el la vakantaj stratoj estos por D-ro Zamenhof.

Bedaŭrinde, multaj el niaj veteranoj ĉeestintaj la inaŭguron jam forpasis, krom S-ro San Emeterio, la marmoristo, kiu promesis al nia asocio konstrui similan tabulon okaze de reatingo de tiu strato, promeso kiun li jam ne povos plenumi; kaj multaj aliaj samideanoj el tiu epoko, kies nomoj estas en nia memoro.

Ni dediĉas tiun nunan sukceson al ili ĉiuj kaj speciale al nia prezidanto, Juan Antonio Madrazo.

*Juan Azcuénaga*

1) Naskiĝis en Priego (Córdoba), la 6an de julio 1877a; mortis en Buenos Aires, Argentino, la 18an de februaro 1949a.
2) *La Región*, 21 de aŭgusto 1933a.
3) Aldono por *Heroldo de Esperanto* (n-ro 51).
4) *Hoja del Lunes*, 23 de abril de 1979: *Desagravio.*
5) *Alerta*, 16 de febrero de 1980: *Zamenhof y Santander.*
6) *Alerta*, 18 de enero de 1981: *Historia local.*
7) *Alerta*, 21 de diciembre de 1986: *Los esperantistas cántabros piden una calle para el autor del idioma universal.*




**Dua Internacia Kultura kaj Turisma E-Semajno**

En la "Centro Borja" de Sant Cugat del Vallés kolektiĝis de la 15a ĝis la 22a de oktobro preskaŭ 40 enlandaj kaj eksterlandaj geesperantistoj en tute agrabla etoso okaze de la Dua Internacia Kultura kaj Turisma E-Semajno.

Dum ĝia malfermo parolis unuavice Luis M-a Hernández Izal, direktoro de la "Hispana Esperanto-Muzeo", kiu eksplikis la signifon kaj celon de ĉi tiuj Kulturaj kaj Turismaj Semajnoj. Tuj sekve la urbokonsilanto pri Kulturo de Sant Cugat del Vallés, s-ro Jordi Franquesa, post ol esprimi komplimentan paroladeton kaj danki la kunvenintojn pro la elekto de Sant Cugat kiel sidejon de ĉi tiu Semajno, oficiale inaŭguris ĝin.

Unu el la plej gravaj aranĝoj de la "Semajno" estis Esperanto-kurso gvidata de la itala samideanino Carla de Lorenzi. Ĝi daŭris la tutan semajnon kaj funkciis dum la tempo ne okupata de aliaj programeroj.

Distron kaj amuzon donis la "Grupo Timoners d'Egara" per kantado de "Habaneras", Kubo-devenaj kanzonoj plenaj de belaj melodioj kaj nostalgio. Post la dimanĉa vespermanĝo la Grupo kantis en la kataluna kaj kastilia lingvoj kelkajn kanzonojn, kaj speciale plezurigis la esperantistojn unu el ili: "En Kubo la bela insulo" kantata en Esperanto. En la intertempo s-ano Josep Castané deklamis propran poemon rilatan al fiŝkaptistoj.

Turismacele okazis tri aŭtobusaj ekskursoj: lunde posttagmeze al la t..n. "Hispana Vilaĝo", sur la monto Montjuic, tuj poste vizito al la Olimpikaj haveno kaj vilao respektive de Barcelono. Merkrede la ekskurso estis tuttaga, unue ili vizitis la urbon Sitges kaj tuj sekve la entreprenon "Codorniu", produktanta ŝaŭman vinon en la urbo Sant Sadurni d' Anoia, kies subteraj keloj kaj la sekcio de aŭtomata enboteligo estas vere interesaj. La viziton de tiuj vastaj subteraj keloj oni faris per elektra vagonareto kaj je la fino ni estis regalitaj per suka

bongusta lunĉo. Post piknika tagmanĝo ni vizitis la urbon Taragono, kies plej belajn vidindaĵojn ni admiris. Fine, la tria ekskurso, duontaga, estis por viziti la bele kulturatan ĝardenon "El Pedregal", en la urbeto Bellaterra, kaj la Muzeon de Scienco kaj Tekniko en la urbo Terrassa, de kie la buso translokis nin ĝis la urbo Sabadell, kie ni vizitis la tiean monumenton al D-ro Zamenhof. Apud tiu monumento akceptis nin la KAE-prezidanto Josep Maria Galofré kun grupo da estraranoj kaj lokaj geesperantistoj.



Speciale interesaj estis la diversaj prelegoj okazintaj dum tiu ĉi "Semajno". Prelegantoj estis: s-ano Giordano Moya, kiu paroladis pri la temo "Aktualeco de la Esperantismo", trafe emfazante la rolon en la nuna tempo de la Esperantismo kiel precipa faktoro por unuigi la homaron. S-ano Narcis Fluviá, disertaciis pri la temo "La historio de la Kataluna Esperanto-Gazetaro", amplekse komentante la abundan gazetaron aperintan ekde la jaro 1909 en Barcelono, post la UK, ĝis la jaro 1936, komenciĝo de la hispana intercivitana milito. S-ano Luis Serrano paroladis pri la rolo de la familio kiel esenca elemento por la stabiligo de la socio. S-ano Joan Solé rakontis pri la enigmo de la Kvina Universala Kongreso okazinta en Barcelono, kun ĉeesto de D-ro Zamenhof, kies precipa parolado restis nebula, eble kiel sekvo de la "Tragika Semajno" okazinta nur kelkajn tagojn antaŭ la UK. S-ano José Manuel Conde prelegis pri "La historio de la galega lingvo", indikante ke ĝi ne estas dialekto sed origina lingvo, kun naskiĝo kaj evoluo propraj. Salvador Aragay priparolis la temon alfabeto de Esperanto kaj speciale komentis la ĉapelitajn literojn, kiujn li konsideras parto netuŝebla de la Fundamento, feliĉe —li diris— la moderna tekniko ne malhelpas la uzon de tiuj literoj ĉar ili estas perfekte adapteblaj al la modernaj komputiloj. Kaj fine, s-ano Ricard S. Güell prelegis pri Teatra Arto kaj tiurilate li elvokis la gravajn aktivaĵojn de la iama Esperanto-Societo "Manteksistoj" aparte de aliaj de li mem travivitaj kiel teatro-aŭtoro kaj mem kiel rolanto de teatraĵoj en Esperanto.

Sabate, je la dekdua horo, samideano Luis M-a Hernández Izal fermis la Esperanto-Semajnon post

ol danki la prof-inon Carla de Lorenzi pro ŝia brila laboro, ĉar per tiu sin dediĉo dum tiuj tagoj grave kontribuis al la sukceso de la Esperanto-Semajno. Fine, s-ano Hernández Izal anoncis, ke venontjare ni okazigos ankaŭ "Trian Internacian Kulturan kaj Turisman Semajnon", kies sidejo, tre probable, estos en hotelo de la Mediteranea marbordo, t.e. en bela turisma urbo.

*Laŭ raporto de G. Moya*

**Interuniversitata rilato per Esperanto**

La Universitata Esperantista Asocio "Rosetta" de Murcio informas nin ke, kiel rezulto de iniciato de niaj murciaj E- k-doj, la Universitata Instituto pri Ekonomiko de LODZ (Pollando) starigis plenajn rilatojn kun la Fakultato pri Ekonomikaj Sciencoj de Murcio. Por starigi unuajn kontaktojn inter ambaŭ oficialaj institucioj vojaĝis al Pollando la dekano de la Murcia Fakultato kaj la rezulto estis, ke studentoj el Pollando venos venonjare (januaro-februaro) al Murcio. Oni planas okazigi prelegon en Esperanto pri Ekonomikaj temoj, por kio oni serĉas jam kompetentan tradukiston al la hispana.

Cetere, la dekano de la Murcia Fakultato komunikis al niaj kolegoj sian deziron starigi similajn rilatojn kun la Universitatoj de Pekino aŭ Tokio. Tiurilate, niaj k-doj de la Universitata E-Asocio de Murcio proponos lin tiucele diversajn kandidatojn de Aziaj Ekonomikaj Fakultatoj.

Informoj pri la temo: Pedro Antonio Macanas Valverde. Advokato. Av. Libertad, 6-2. 30 009-MURCIA.

**Se vi havas komputilon...**

kaj ne scias kiel skribi uzante la esperantajn literojn, atentu ĉar de nun la afero estos por vi tre facila: Vi povos uzi la programon *Word Perfect 5.1*, kiu provizas ĉiujn E-literojn. Tamen, se vi ne bone regas komputilajn aferojn aŭ ne volas tro cerbumi, petu de HEF la dosieron, kiu metos je via dispono la apartajn lierojn de nia alfabeto. Vi povos ilin *printi* kaj *vidi* sur la ekrano dum vi tajpas!



**Esperanto-kurso en universitato**

Organizite de la Esperanta Societo "FRATECO" de Zaragozo kaj kiel

jam fariĝis ĉiujara kutimo, komenciĝis Esperanto-kurso en la Instituto de Idiomoj de la Zaragoza Universitato, kiun gvidas nia samideano Lorenzo Noguero Sarasa.

En la projekto, sendube plenumota, oni konsentis kunveni po unu fojon monate lernantoj kaj spertaj lokaj esperantistoj, por praktiki la lingvon: prelegeto estos prezentata ĉiufoje kaj pri la temo oni dialogos laŭlonge de la kunveno.

Okaze de la festotago de Zamenhof kaj antaŭe la kutima komuna vespermanĝo, la Libro-Servo de "FRATECO" organizos Libro-Ekspozicion, en kiu oni havos la okazon aĉeti tre interesajn Esperanto-verkojn je tre moderaj prezoj.

**Invito**

Sinjoro Miguel Gutiérrez, kiel Direktoro de *Fundación Esperanto*, estis invitita de la *Universidad de Cantabria* al la solena kunveno en kiu, tiu institucio honoris la Prezidanton de la *Fundación Cervantina de Mexico*, sinjoro Eulalio Ferrer, per la titolo Doctor "*Honoris Causa*".

**Korekto**

Nia samideano Luis Ojer Celiqueta, preleganto en la Malaga kongreso, petas al ni aperigi kelkajn precizigojn rilate al nia informo en "Boletín" pri lia prelego:

1) Anstataŭ diri, ke la preleganto prezentis sian reform-proponon sur la tabulo, substreki ke li tion faris per flugfolio.

2) Tiuokaze li *ne prezentis siajn konkludojn*.

3) La HEF-prezidanto prokrastis la debaton por alia momento, kiu efektive okazis, kaj ambaŭ, prezidanto kaj preleganto prezentis surtabule iliajn vidpunktojn.

Kvankam la indikitaj precizigoj ne alportas rimarkindajn modifojn al la originala teksto, ni publikigas la noton por komplezi nian samideanon.

Ni petas senkulpigon al nia kolego. Dankon.

**ATENTU!**

## Prelegantoj

Ĉiu samidean(in)o kapabla prelegi en la hispana lingvo pri Esperanto ĝenerale, aŭ pri difinita flanko de Esperanto, bonvolu kontakti la HEF-oficejon, indikante la temo(j)n pri kiu(j) ŝi/li pretus prelegi. HEF celas organizi reton de prelegantoj por respondi la petojn, kiujn ĝi ricevas de diversaj institucioj.




**Intensa lingvometodika kurso tutsemestra en Svedio**

La Esperanto-fako de Karlskoga Popola Lernejo en Karlskoga, Svedio, okazigos 4-monatan intensan Esperanto-kurson de la 9a jan. ĝis la 19a majo 1995. Semajne 24 studhorojn inkl. laboron en lingvolaboratorio. Instruado je la vera komenco, tute en Esperanto.

Celgrupo: Komencantoj en Esperanto, ekz. lingvostudontoj ĉe universitato, instruistoj pri lingvoj kaj kompreneble ĉiuj komencantoj, kiuj intense volas lerni Esperanton. La kurso celas al konatigi Esperanton al lingvoinstruistoj kaj ebligi al studantoj pli efike lerni aliajn lingvojn. La kurso finiĝos per ekzameno, propedeŭtika por internacia Ekzameno kaj Esperanto-instruado.

La studantoj loĝas en modernaj unulitaj ĉambroj kun propra duŝkaj necesejo. La lernejo situas bele apud lago en alloga naturo unu kilometron sude de la urbo Karlskoga.

Ekde 1988 la Esperanto-fako okazigas 8-semajnan aŭ tutsemestrajn kursojn kaj ekde 1987 Internaciajn Somerajn Kursojn. Ekde 1993 la Eŭropo-kurso tutjara uzas Esperanton kiel propedeŭtan studfakon por studado de la franca kaj germana. Jam partoprenis studantoj el pli ol 30 landoj.

Kostoj: Kvarmonata kurso 9a jan. al 19-5-95, studoj, loĝado, manĝado/sen vesperaj kaj semajnfinaj manĝoj: . . . . . . . 10.800,-SEK.
Lernolibroj/ sen vortaroj500,-SEK.

Informoj: Karlskoga Popola Altlernejo; 691 24 Karlskoga; Svedio; telefono 0586-503-60; fakso: 0586-370-77

**Tutmonda Ĉampionec-konkurso de Alpa Skiado-95**

En "Sierra Nevada", montaro apud la bela Granado, okazos venontjare la Tutmonda Ĉampionec-konkurso de Alpa Skiado. La instalaĵoj de tiu Skiad-centro (je 2320 m. alta) disponas de sufiĉaj elementoj meĥanikaj por transporti al skiglitejoj 30.000 skiadsportistoj po horo. Sur tiu montaro eblas praktiki skiadon ĉiutage dum la sezono, ĉar ekzistas 34 skiglitejoj kun pretigitaj deklivoj de pli ol 1.300 m. kaj neĝo altkvalita por praktiki tiun sporton, kaj tio ĝuanta privilegian agrablan temperaturon. Tiun skiadcentron oni povas atingi nur dum 35 minutoj tra aŭtovojo (la plej alta de Eŭropo), kie ekzistas ĉiaj servoj: restoracioj, vojaĝagentejoj, bankoj, klinikoj, kafejoj, ktp.

La Natura Parko de "Sierra Nevada" estis siatempe deklarita de UNESKO kiel "Rezervo de Biosfero" kaj ties naturaj riĉaĵoj estas vera regalo por la okuloj kaj estas



zorge protektita.

Okaze de tiu ĉi Tutmonda Ĉampionec-konkurso de Alpa Skiado-95, okazonta en februaro laŭlonge de du semajnoj sur la montaro tute apude al Granado, oni organizos multnombrajn aliajn sportajn konkursojn sur neĝo, kaj ankaŭ multaj aliaj renkontiĝoj kun karaktero kultura, arta, scienca, ktp. La sola ebleco viziti la famajn arabajn palacojn de l' Alhambra meritas sendube vojaĝon al la bela urbo Granado, kie venontjare okazos tiu Tutmonda Skiad-konkurso.

Informoj pri tiu evento: S-ro José Matos de Castro; Esperanto-Sierra Nevada-95. Correos y Telegrafos. Poŝtkesto 980. 18080-GRANADA. Hispanio.

**Skoltoj**

Certe la skoltoj estas promesplena grundo por Esperanto, sed oni devas flegi ĝin. En aŭgusto 1994 okazis en Nederlando la 1a Eŭropa Ĵamboreo por geskoltoj kun aĝoj inter 11 kaj 15 jaroj. Entute ĉeestis pli ol 10.000!!! partoprenatoj el 34 landoj. Kia babelo!.
Kompreneble, Skolta Esperanto-Ligo instalis informstandojn kaj partoprenis kun anoj el Nederlando, Belgio, Aŭstrio kaj Pollando.




Ĉiu E-grupo, aŭ individua instruisto, deziranta kontakti la skoltan grupon de sia urbo aŭ regiono, povas peti informojn de la HEF-oficejo. Oni pensu, ke venontjare kunvenos denove en Nederlando 30.000 knaboj okaze de la Mond-ĵamboreo. Sendube jen klara ŝanco por nia lingvo: junuloj kaj internaciaj kontaktoj.
PS: La lernolibro por skoltoj "Ĵamborea lingvo" mendeblas ĉe la libroservo de HEF.

---

**Interese**

En la varma afrika lando Ganao okazos la Tria Afrika Kongreso de la 23a de decembro ĝis la 7a de januaro. UEA organizas karavanon (kosto sub 3.000 gld).

# TAGO DE LA LIBRO EN ESPERANTO






La 15a de Decembro, naskiĝtako de D-ro Zamenhof, iniciatinto de la Internacia Lingvo Esperanto, estas la Tago de la Libro en Esperanto.

Nu, por inde festi tiun datrevenon, **Libroservo de H.E.F.** donacos al ĉiu mendanto rabatkuponon kies valoro estos 10% de la vendoj.

Mendu tuj al:

**Libroservo de H.E.F.**
Apartado, 119
47080 VALLADOLID

Ankaŭ eblas mendi telefone: 983/260086 *kun aŭtomata respondilo.*

# Libroservo

**Mendu la Katalogon**

Tiel vi estos plene informita pri titoloj, prezoj kaj kondiĉoj por ricevado de la dezirataj libroj, kasedoj, vidbendoj, ktp...




---

## ...kaj viglas plu...

★ La 13an de novembro, okaze de la Aŭtuna Festo en Sant Cugat (Barcelono), oni organizis kulturan feston sur la apuda placo de la monaĥejo. La Esperanto Grupo Jozefo Angles disponis propran standon por montri kolekton de esperantaĵoj: libroj, kovertoj, revuoj, ktp., kaj disdoni informilojn pri Esperanto kaj nova E-kurso.

★ De la 7a ĝis la 18a de oktobro okazis ĉe la haveno "*Moll de la Fusta*" (Barcelono) grava ekspozicio de la kataluna kulturo, organizita de *Generalitat*. Prtoprenis ĉ. 130 standoj. En la stando de la asocio Regiona Lleida Centro oni montris buntan kolekton pri kaj en E-o, pretigita de BEC-estraranino Anna Cardo. La ekspozicion vizitis ĉ. miliono da homoj.




# Grava komuniko:

Ĉar la dolaro falis, Internacia Esperanto-Instituto anoncis, ke ne plu eblas teni la prezon en dolaroj. Do ili ĝin ŝanĝis al pli stabila valuto: guldenoj. Tio signifas, ke oni devas korekti la prezon. Notu bone: **7.400 pesetojn**. Sed atentu, ĉar post la dudekkvina de decembro tiu prezo signife kreskos!

De nun **oni povas jam pagi** rekte al la konto-numero: **96-44-20 de Caja Postal.** Bonvolu ne sendi postĝirojn aŭ ĉekojn. Uzu nur la konton.

Bonvolu telefoni al la kunordiganto de la mendoj, Miguel Gutiérrez, tel: **942-260058** (ankaŭ estas aŭtomata respondilo), aŭ skribu al li: Floranes 57 2° C, 39010 Santander. La nova kaj lasta limdato por akcepti antaŭmendojn estas la dudekkvina de decembro 1994!.

# Faru tuj vian mendon!

**Antaŭmendoj**

| | |
|---|---|
| Antaŭa totalo: | 41 |
| José Añó Belda | 1 |
| Esperanta Societo "Frateco" (Zaragoza) | 3 |
| Gonçalo Neves | 1 |
| Cesar de Mosteyrin | 3 |
| Manuel Parra/Ana Manero | 1 |
| Eduardo Martinez | 1 |
| Jose Luis Pérez Ovilo | 1 |
| Pedro Ullate López | 1 |
| Kordoba Esperanto-Asocio | 2 |
| Candelas Durán | 1 |
| Mercedes Fernández | 1 |
| Luis Serrano Tausia | 1 |
| Ismael Hossany Díez Gonzalez | 1 |
| Alava Esperanto-Asocio | 1 |
| F-co José Dávila Dorta | 1 |
| Sociedad Esperantista Tenerife | 2 |
| Nuna totalo: | 63 |

**Mazi**

Dediĉo: Al S-ro Aleksander Korĵenkov.
Ĉefredaktoro de *La Ondo de Esperanto*,
eldonisto de la serio *Sezonoj* en Jekaterinburg. Ruslando.

# Vampiretoj kaj parazitoj

Sekve de kelkaj personaj spertoj, kiujn mi travivis en la lastaj tempoj, mi scivolis pri tio, ke la ne multaj sociologiaj esploroj entreprenitaj ĝis nun pri diversaj karakterizaĵoj de la esperanta komunumo limigis sin al la klasifiko de ĝiaj aĝo-grupoj, de ĝiaj soci-ekonomiaj niveloj, de ĝiaj ŝtupoj de edukiteco kaj de similaj aferoj.

Strange, ke oni ne havis la ideon fari studojn pri la negativaj aspektoj de nia kolektivo. Kiam mi diras "negativaj", mi ne aludas la rilatojn inter la esperantistoj kaj esperanto, nome ilian pli malpli grandan posedon de la lingvo aŭ ilian pli malpli grandan fervoron en la esperanta agado. Mi parolas pri la diversaj tavoloj de etika konduto troveblaj en nia verda mondo. Supozeble, oni ne entreprenis ĉi-tipan esploron ĉar la granda dozo da idealismo implicita en la celoj de la movado probable inspiras la ideon, ke sur tia grundo ne eblas la florado de nehonestaj kondutoj. Sed tamen...

Sufiĉas koni nur iomete la homan naturon por kompreni, ke alt-flugaj idealoj ne generas ekskluzive senmakulajn idealistojn. Vere, dum idealisma organizaĵo estas, pro sia propra esenco, senpova, senmona, kaj senprestiĝa, ĝiaj membroj montras ĝenerale enviindan moralan forton kaj senriproĉan konduton.

Tio okazas grand-parte en nia movado ĉefe pro tio, ke en medio senpova, senmona kaj senprestiĝa trovas nenion predindan la grandaj friponoj, la senskrupulaj banditoj, la senmoralaj karieristoj. Sed kie mankas ŝarkoj, tie ne malestas vampiretoj kaj parazitoj. Kaj tia faŭno, posedanta pokajn aspirojn kaj eĉ ne joton da memestimo, ŝajne konsistigas la solan makulon sur la korpo de la esperantistaj organizaĵoj.

Kiom granda estas la makulo? Ne tre, sed ĝi kaŭzas iriton kaj ĝenon kiel pikoj de moskitoj. Vampiretoj kaj parazitoj kontentiĝas per tio malmulta, kiun ili povas suĉi helpe de taktiko bazita sur kamuflado de sentoj kaj intencoj. Kaj ĉe la fino, post la piko, la cinikeco de ilia konduto estas grandioza kaj preskaŭ admirinda.

Vampireto kaj parazito estas la *samideano*, kiu esprimas sian deziron interleteri kun alilandanoj, sed tute ne estas en sia intenco respondi al iu ajn, ĉar nur la poŝtmarkoj de la korespondaĵoj interesas lin.



Vampireto kaj parazito estas la *samideano*, eble eĉ delegito de UEA, kiu ricevas servo-peton kun la respektiva kupono, prenas por si la kuponon kaj, kompreneble, ne ĝenas sin respondi al la bonfida petinto.

Vampireto kaj parazito estas la *samideano*, ne malofte el Orienta Eŭropo, kiu cirkuler-maniere petas monon por helpo al ege malsana infaneto, ĝis evidentiĝas, ke la infaneto estas produkto de lia fantazio kaj de lia avido havigi al si iom da valoraj devizoj.

Vampireto kaj parazito estas la *samideano*, kiu lerte ekspluatante la sentojn de esperantisma frateco de eksterlanda esperantisto, sukcesas ricevi de li gastiginviton, manĝas kaj trinkas ĉe li pagante eĉ ne unu groŝon, revenas al sia lando kaj ne havas eĉ la minimuman decon sendi al sia gastiganto dulinian dankon sur modesta poŝt-karto.

Vampireto kaj parazito estas la *samideano*, kiu komencas eldonan karieron, kontaktas kun aŭtoroj originalaj aŭ/kaj tradukaj kaj pere de inteligenta korespondado elruzas el la aŭtoroj iun aŭ alian manuskripton, eldonas ĝin kaj en tiu momento ĉesas ĉia vivo-signo de li, ĝis la bon-intenca dupo, kiu cedis tute senpage sian laboron, komprenas ke li ne ricevos unu solan ekzempleron, el kiuj li rajtas kiel aŭtoro aŭ tradukisto.

La plej kurioza aspekto de ĉi divers-forma friponetado kuŝas en tio, ke la vampiretoj kaj parazitoj, ofte kleraj kaj ne senmonaj, evidentigas nekompreneblan mankon de memestimo kaj ian aberacian ŝaton al mizeraj profitoj je la risko de absoluta senprestiĝiĝo. Sed, kiel diris Zamenhof, "fremda animo estas abismo sen limo".

Ja, vampiretoj kaj parazitoj ne abundas en nia Movado. Sed la ĝenerala koruptado, multe pli intensa de post la renverso de la soveta potenco, efiku ĉe ni kiel alarmo-signalo; kaj por komenco ni devus publike denunci la kulpantojn de ĉiu etika translimiĝo. Eble la pilorio ne korektos ilin, sed almenaŭ ilian nomon ni konos

*Fernando de Diego*

# Ĉu la hispana lingvo estas same esprimkapabla kiel Esperanto?

En Sekcio 42 de sia *Ekzercaro* d-ro Zamenhof provis demonstri la superecon de planlingvo kiel Esperanto, kiu ebligas formadon de vortoj per senlima aldono de radikoj de memstaraj afiksoj -prefiksoj kaj sufiksoj kaj ankaŭ gramatikaj finaĵoj. La sola postulo estas, ke la rezultanta kunmetaĵo estu facile komprenebla, t.e. ĝi havu sencon. Jam komence de tiu ĉi jarcento Louis de Beaufront publikigis ekvivalentojn en la franca, rusa kaj pola lingvoj en sia franca traduko de la *Ekzercaro* (Varsovio, 1904). Miaj ekvivalentoj en la angla lingvo estis publikigitaj en *Esperanto en Skotlando* (n-ro 159, aŭtuno 1992, pĝ. 25-30), kaj alia malpli ampleksa listo troviĝas en *The Australian Esperantist* (n-ro 271, 1992, pĝ. 14). Estas memevidente, ke en la t.n. grand- aŭ kulturlingvoj, ilia vasta leksiko provizas elementojn por faciligi tradukon de la vortoj en la listo de d-ro Zamenhof. Sed kion diri pri lingvoj kun malpli da parolantoj kaj kiuj ĝis nun ne rolis internaciskale?



**Cerbumu, karaj!**

Mi proponis traduk-konkurson al legantoj de la revueto *KAE-Informilo*, eldonita en Katalunio, kaj petis, ke ekvivalentoj en la kataluna lingvo estu senditaj al la redakcio. Bedaŭrinde, ĝis nun neniu listo aperis. Ĉu la kialo estas mankhavaj aspektoj de la kataluna lingvo? Aŭ ĉu povas esti, ke inter katalune parolantaj esperantistoj ne troviĝas homoj kun sufiĉe altnivela lingvotalento? Nun mi prezentas la saman defion al hispanlingvuloj. Espereble post ne tro longa tempo la plej bona listo estos publikigita en tiu ĉi revuo.

Por sia ekzerco Zamenhof elektis la substantivan radikon "san-". Al ĝi li aldonis unu aŭ pli de la sekvaj specoj de afiksoj, entute 27.

*prefiksoj*: ne-, mal-, re-

*sufiksoj*: ad, -aĵ, -ant, -ar, -ebl, -ec, -ej, -em, -er, -et, -
id, -ig, -iĝ, -il, -in, -ind, -ist, -uj, -ul.

*gramatikaj finaĵoj*: a, e, i, o, u.

1. sano
2. sana
3. sane
4. sani
5. sanu
6. saniga
7. saneco
8. sanilo
9. sanigi
10. saniĝi
11. sanejo
12. sanisto
13. sanulo
14. malsano
15. malsana
16. malsane
17. malsani
18. malsanulo
19. malsaniga
20. malsaniĝi
21. malsaneta
22. malsanema
23. malsanulejo
24. malsanulisto
25. malsanero
26. malsaneraro
27. sanigebla
28. sanigisto
29. sanigilo
30. resanigi
31. resaniĝanto
32. sanigilejo
33. sanigejo
34. malsanemulo
35. sanilaro
36. malsanaro
37. malsanulido
38. nesana
39. malsanado
40. sanulaĵo
41. malsaneco
42. malsanemeco
43. saniginda
44. sanilujo
45. sanigilujo
46. remalsano
47. remalsaniĝo
48. malsanulino
49. sanigista
50. sanigilista
51. sanilista
52. malsanulista

## Ekzerco por spertuloj

Por tiuj, kiuj sukcesis precize traduki en la hispanan ĉiujn Esperantajn vortojn en la listo, mi proponas kroman ekzercon. Provu trovi en la hispana lingvo vortojn kaj esprimojn rilatantajn al la sano, kiuj *ne* estas tradukeblaj per la Esperanta radiko "san-" kun afiksoj.

*Bernard Golden*

Nu, jen la defio de Bernard Golden! Kuraĝuloj povas sendi siajn solvojn al la redaktejo de Boletín. Ek al lek'!

# Notoj pri "El lenguaje transferido"

La kastililingva literaturo enhavas tre taŭgajn librojn pri la gramatiko kaj lernado de Esperanto, kaj ankaŭ artikolojn kaj broŝurojn, informantajn pri kondiĉoj kaj karakteroj de la Zamenhofa lingvo, sed mankas priskribi, kaj sekve komune pripensi kaj diskuti la nepran lokon, kiun Esperanto devas havi en la dialektika evoluo inter homo kaj socio, tiel ke ĝi ebligus la plenan malvolvon, de la homo kiel individuo kaj de la socio kiel tuta homaro.

La homo kiel individuo bezonas kompreni la Universon kaj klare esprimi siajn plej profundajn kaj kompleksajn sentojn sen limoj de tempo kaj spaco. La socio bezonas interrilatigi la tutan homaron tiel ke ĝi funkciu kiel solidara sistemo kaj efika unuaĵo. Por atingi tiun celon ni trakuris tre longan vojon, kiu komenciĝis kiel bestoj kaj nun, kiam ni alproksimiĝas al ebla plenumo, travivas krizan momenton.

La bestoj nur povas esprimi elementajn sentojn (timon, doloron, ĝojon, ktp.) kaj ilian komunikadon nur povas atingi tiuj kiuj estas tre proksimaj. La vorto ebligas diri plej profundajn sentojn kaj kompleksajn pensojn, sed en tre limigita kaj malvasta spaco. En kiu ajn loko de la Tero oni povas nun legi Platonon. Nek kilometroj nek jarcentoj estas jam baroj, sed per skribado oni nur povas esprimi mortajn pensojn, tiujn kiuj jam okazis, ne tion kio okazas nun, en la reala tempo. Telefono, televido, komputiloj kaj la novaj iloj kiujn oni anoncas kiel "aŭtovojojn de la komunikado" kaj "artefarita inteligento" permesas veran interkomunikiĝon al ĉiuj homoj en reala tempo, sed por la plimulto da personoj tio signifas kunmiksi kaj ŝanĝiĝi la kvanto de la informado, sed ne la kvalito.

La Historio instruas al ni, ke kiam iu ajn popolo deziras kunligi la disigitajn vilaĝojn en grandan kaj fortan nacion ĝi bezonas ankaŭ, kaj ĉefe unuigi la lingvon, kiu estas parolata malsimile en ĉiuj vilaĝoj. Poetoj, gramatikistoj kaj akademianoj devas fari grandegan sintezon kaj sukcesi en la kondiĉoj por ke la lingvo parolata povu esti skribata, tiel ke ĉiuj povu rekoni en grafikaj signoj ĝian propran lingvon. Hodiaŭ ni devas fari tiun saman laboron, sed laŭ la plej ampleksa nivelo por kunligi ĉiujn popolojn, kiuj parolas malsimile, kaj por tio oni devas konstrui lingvon, kiu ne nur povas esti parolata kaj skribata, sed ankaŭ elektronike traktata por ludi kiel bazo kaj ponto de ĉiuj aliaj.

Ni ne povas forgesi, ke la homa naturo estas tia, ke la eniro en pli vastan kaj kompleksan medion ne nuligas la individuajn kaj intimajn bezonojn. Por rekrei la mondon kaj esprimi siajn proprajn sentojn, eble unikaj, homo bezonas artan lingvon, la lingvon, kiu vivas en la menso kaj en la koro de ĉiu persono, sed ĉefe en la poetoj, pentristoj kaj filozofoj. La homo ankaŭ bezonas ne esti sola, kaj atingi veran komunecon kun amikoj, familianoj, amantoj, kamaradoj. Tiuj kiuj vivas, laboras, manĝas, suferas kaj festas kune, ankaŭ bezonas paroli kune. Temas pri la etna lingvo, la lingvo de ĉiu nacio kaj ĉiu popolo. Kaj fine, homo bezonas interrilatiĝi kun ĉiuj kaj ĉio sen tempaj kaj spacaj limoj, kaj ilo por tia rilato estas la translingvo.

La lingvo ŝprucas de la homo kaj al la homo devas aparteni la signifo en la arta lingvo. La lingvo maturiĝas en la natura komunumo kaj tial en la etna lingvo la signifo apartenas al la komunumo. La signifo de lingvo utila por la tuta homaro jam ne povas aparteni al unu homo nek al konkreta komunumo, ĉar ĝi devas transigi ilin tiel, ke la signifo apartenu al la signo kaj formu translingvon.

Esperanto havas la bazon por plenumi tiujn taskojn kaj ni, esperantistoj, devas pripensi pri tio, profiti nian sperton por montri al ĉiu homo, ke ne temas pri utopio, sed pri realaĵo, kaj ke nur se la lingvo sekvas la postulojn de la dialektika evoluo povas ebligi al homo atingi en libero kaj personeco siajn plej altajn komunajn celojn.

La verko, "EL LENGUAJE TRANSFERIDO", volas esti viva eseo, provizora kolekto de elementoj, kiuj intervenas en tia procezo. Ĝi atendas ke ĉiuj esperantistoj (kleraj kaj ne tiom kleraj, ĉar temas pri homa problemo al kiu ni ĉiuj devas alporti nian eron) opiniu pri tio kaj inter ĉiuj oferti al la kastiliaj parolantoj bonan dosieron pri la lingvo, kiun la homoj jam bezonas, sed kiun en tre proksima estonteco ili bezonos nepre kaj vitale.

*Paskalo Pont*

"El Lenguaje transferido" estas altnivela studo verkita en la kastilia lingvo pri la rolo de Esperanto. La deveno de la parolo, laŭ sciencaj vidpunktoj, kiel povas esti la biologio, socia, komunika, politika, sociala, diplomatia kaj sendube pri ĉiuj ceteraj eroj, rilataj al nia vivo kaj medio. La libro konsistas el 133 paĝoj.

# ENTREPRENISTOJ

Ni ne atendu pli vastan uzadon de nia internacia lingvo ene de la socio pensante, ke oni jam diris ĉion kaj ĉiel agadis. Ankaŭ ne sidu trankvile kaj dormeme fidante je la entuziasmo kaj kapablo de aliaj movadanoj. Por disvastigi Esperanton kaj amase paroli ĝin, neniu helpo troas.

De ĉi tie mi alvokas hispanajn istojn anonci sin, siajn agadojn kaj faritaĵojn en E-o en la responda gazetaro. Kompreneble, per tio ne atendeblas nombraj respondoj kaj informpetoj, tamen estas la unua paŝo por komprenigi la ceterulojn, ke ni disponas kaj uzas taŭgan lingvan ilon por varbi klientojn.

La dua paŝo estas sciigi neesperantistojn pri la eldonado de gazetoj verkitaj en E-o, kie kutime aperas anoncoj. Valorigi ilin antaŭ la ceteruloj estas grave. Atingi, ke oni rekonu la gravecon de tia agado estas nepre.

Ĉi-foje, kontraŭ la defetismo de iuj mi atentigas pri du kazoj: ITRE (Internacia Tradukreto pere de Esperanto) kaj Chengde-a Junji Esperanta Kompanio.



**Kiu amas la liton, ne akiros profiton**

ITRE laboras en ĉiuj fakaj aferoj: komerca kaj kultura, ŝtata aŭ neŝtata, profitcela aŭ homcela. Ĝi konsistas el tradukistoj, kiuj estas sendependaj laboristoj. Ĝia fundamenta principo estas: Ĉiu tradukisto uzu nur sian denaskan lingvon kaj Esperanton. Al ITRE apartenas 109 tradukistoj por 29 lingvoj en 30 landoj kaj nuntempe ĝi estas regata de s-ro Manuel Durand (Les Nids, F-49190-SAINT AUBIN DE LUIGNE, Francio;fakso + 41-78-32-77; telefono + 41-78-47-75.

Chengde-a Junji Esperanta Kompanio estis kreita la 30an de junio 1993. Inter ĝiaj agadoj elstaras tiuj rilataj al komerco, turismo, informado kaj tradukado.

Feliĉe, iom post iom pliiĝas la nombro de kazoj kiel tiuj. Jam ne temas pri sporadaj aferoj naskitaj de facilaj entuziasmoj; ankaŭ ne pri ekskluziva uzado de Esperanto. Oni paŝas laŭ realisma kompreno de la situacio, kaj ĝuste tio estas la bazo por pli vasta aplikado de nia internacia lingvo. Kaj io tute certas: malantaŭ tiuj entreprenoj troviĝas tre kapablaj esperantistoj.

Kial ne en Hispanio? Kio bremsas kaj malebligas similan agadon inter ni? Kio necesas por kuraĝigi niajn samideanojn aplikadi Esperanton profitcele?

*Andrés Martín*
P.K. 3275. 29080-Málaga

---




## KOMERCAJ ANONCOJ POR APLIKADO DE ESPERANTO

★ **Kava-Pech:**Eduka kaj Turisma Entrepreno de d-ro Petro Chrdle ofertas en sia turisma fako sekvajn aranĝojn sub jenaj kondiĉoj:

★ **Invito de Nova Jaro en Prago**: 12-29 Decbro.1994/01-02-1995. Tranoktado kaj Silvestra balo en hotelo "Trilobit"-Dobrichovice (rande de Prago) en unu ĝis trilitaj ĉambroj. Entute unulita ĉambro DM 390-(post 20-11-94: 420 DM.

Aliaj prezoj en dulita kaj trilita ĉambro kaj petoj de aranĝo-ŝanĝoj, petu informojn al la ofertanta entrepreno.

★ **Montara Semajno:** 01-02/08-1995. En Kouty nad Desnou (montaro Jeseniky), krom skiado disponeblas tabloteniso, saŭno kaj multaj aliaj distraĵoj, krome komunaj Esperanto-aranĝoj vesperaj, konvena tereno ankaŭ por promenantoj. Tranoktado en tri kategorioj. Prezo en tristela ĉambro de hotelo "Dlouhé stráne" en unu lita ĉambro 440 DM.- Aliaj prezoj en dulita kaj trilita ĉambro, petu informojn al la ofertanta entrepreno.

Ekzistas pluraj aliaj aranĝoj. Informoj: KAVA-PECH, Anglická 878, CZ-25229 Dobrichovice. (Praha).Tel./fakso: ..42.2.9912126

★ **Ofertoj pri kulturaj, turismaj kaj fakaj aranĝoj en Poprad**

01: Skisemajno. 11-18 februaro. Poprad. 7 tagoj 70 USD/105 DEM.

02: Vintra Esperantista Renkontiĝo en Altaj Tatroj-Verat, 95 17/19 marto. Poprad. 2 tagoj 20 USD /30 DEM.

04: Vendu kaj aĉetu. Internacia Seminario de komercistoj-esperantistoj. 2-4 junio. Poprad, 2 tagoj 20 USD/30 DEM.

Ekzistas ankoraŭ jenaj ofertoj, kies detaloj vi povas peti al la organizantoj: "Somera Esperanto-Lernejo", "Turisma Semajno", "Mikologia Seminario", "Kulturaj Esperanto-Tagoj", "Sant-Nikolaa Festo-Renkontiĝo","Silvestra Balo", "Diversaj turismaj, kulturaj kaj fakaj aranĝoj laŭ mendo de enlandaj kaj eksterlandaj Esperanto-organizaĵoj".

Informiĝu ĉe: Esperanto. Sobotské námestie. 058 01 POPRAD. Slovakio. Telefono: 0042-92-32419.

★ Hu Renkui, fabrikestro, serĉas kunlaboron por produkti fridujajn aparatojn. Bonvenindas investado kaj modernaj ekipaĵoj. Adreso: Zhenzhen Kaiguan Chang; CN-315114 Ninghai; Zheijiang; Ĉinio.

★ Por sia komerca agado (importo, eksporto, reprezentado, perado) serĉas partnerojn: Kouablan International Co. Ltd; P.O. Box 3445; Accra; Ganao — Fakso: (233)-77-6030 Rayberg.

---

# Komputilaj Bultenejoj en Hispanio

Komputilemuloj povas nun kontakti Esperanto-fakon ĉe la hispanaj bultenejoj (BBS) *Clavius* de Madrido [sub la nomo "Esperanto"] kaj Scan on Line de Barcelono [sub la nomo "Bi-Esperanto"].

Bultenejo troviĝas ĉe centra komputilo ligita al la telefona lineo pere de modemo. Ĝin konsultas multaj homoj ĉiutage por interŝanĝi mesaĝojn. Eblas skribi kaj esperante kaj hispane.

Por uzi la bultenejon necesas modemo, komputilo kaj aparta komunik-programo. Se vi ne posedas ĉi lastan, kontaktu s-ron Jesuo de la Heras (vidu lian adreson sube).

La kontak-numeroj en Madrido estas: (91) 311-42-10; 311-44-94; 311-45-20; 311-23-71. Kaj en Barcelono: (93) 818-65-00; 818-66-25; 898-05-13. Pliajn informojn liveras: Jesuo de la Heras Jiménez; Avda Juan Carlos I, 24, 2° G; 30008 Murcia; telf: 968-23-64-73.

# Esperantisto ricevas Nobel-premion

La Nobel-premion pri ekonomiko de 1994 ricevis Reinhard Selten, profesoro de la universitato en Bonn, pro liaj malkovroj en la kampo de la ludteorio (adaptita al la modelo de konkurenco).

La ludteorio grave rolas en ekonomiaj kampoj kiel marĉandado, kontraktado, solvado de strikoj, k.a.. Se ekzemple vi marĉandas, kiom grandan pecon vi volas ricevi de glaciaĵa torto, ne indas diskuti ĝis la torto fandiĝos. Se vi tuj diras, antaŭ la ekfandiĝo, ke vi kontentas pri unu triono, vi eble havos pli ol se vi plu marĉandas kaj sukcesos akiri 40%, sed de pli malgranda torto.

D-ro Selten estas membro de Germana Esperanto-Asocio kaj de MdAIS. En Esperanto li verkis laŭ la AIS-libro "Internacia Scienca Dokumentaro": "Ĉu ni lernu Esperanton? Enkonduko en la teorion de lingvaj ludoj (kun Jonathan Pool)" —do traktaĵo en kampo, pri kiu li estas premiita.

D-ro Selten oficiale ricevos la premion la 10an de decembro. La tuta hispana esperanto-movado kunfestos kun li. Gratulojn!

# Por pli klara apercepto




El la revuo *La Gazeto*

Jen trafa skemo por klarigi kiel oni legu la bonegan rakonton de la verkisto Georgo Kamaĉo "Kiam vento ne blovas", kiu tiom da problemoj (!) kaŭzis al nia samideano Bernard Golden.

La novelo aperis en la volumo "Sur la linio", eldonita en Usono kaj verŝajne la plej renoviga proza verko lastatempe aperinta en nia literaturo.

# Francisco de Quevedo y Villegas (1580-1645)



Poeto, politikulo, eksterordinara figuro de la hispana beletro. Li studis en la universitatoj de Alcalá kaj Valladolid, kie li akiris grandajn sciojn pri sciencoj kaj artoj, kiujn li kompletigis per ampleksa kulturo akirita per obstina kaj pasia legado.

Li parolis plurajn lingvojn, el kiuj perfekte li scipovis la latinan, la grekan kaj la hebrean, kio aldonite al liaj profundaj scioj pri filozofio, teologio, historio kaj beletro, faras lin unu el la plej doktaj humanistoj el lia epoko.

Tiu ampleksa bazo de sciado ebligis lin verki, kaj verki sufiĉe aŭtoritate pri ĉiuj ĝenroj. Lian stilon karakterizas en kontrastoj de la formoj kaj certa subtila satiro, kiu fariĝis terure morda kaj agresema, kiam li atakis siajn malamikojn. Lia penso estis tre influita de la stoikismo de Seneko, kiun li senlime admiris (ĝenerale ni, hispanoj, sentas nin inklinaj al tiaj teorioj).

Kiel poeto, li estis, kune kun Gongoro kaj Lope de Vega, plej alta pinto de la baroka liriko. Liaj poemoj temas pri ĉio: seriozaj aŭ festemaj, filozofiaj aŭ religiaj, politikaj aŭ satira-burleskaj, ĉi tiuj lastaj neniam superitaj de iu ajn alia poeto en la hispana beletro.

Quevedo sin sentis inklina ofte verki pri motivoj el la stoika filozofio, temoj, kiuj speciale akcentis la efemerecon de la vivo kaj la realecon kaj certecon de la morto. Bona ekzemplo pri tio estas jena "kantareto":

### Jam terure sonas...



Jam plej korprema kaj terura-sona
aŭdiĝas korprofunde l' fino-tago,
la lasta horo, nigra en l' imago,
jen venas plena de timeg' impona.

Se plaĉas la ripozo pacodona,
sendita de la mort' per trompo-svago,
pli estas tio pruv' de aĉa ago
ol signo de dorlot' kompato-tona.

Kion intencas la Fatal' malsaĝa
pri l' hom', kiun ĝi venas savi pie,
spirito povra, ĉar mizero-naĝa?

Nu, venu mort' en bona hor' gracie,
ektrovu min ne time malkuraĝa
kaj mian vivon finu plenkonscie.

Famas ankaŭ la moraligaj kaj filozofiemaj poemoj de Quevedo, speciale kiam temas pri la virino, kiel tiu ĉi poemo aplikata al la ĉiutaga vivo:

### La edzo virinserĉanta

La edzo de virino juna, bela,
kion priserĉas ĉe virin' alia?
ĉu iun ja pli ĉarma ol la lia?
ĉu estas ŝi ne loga, malfidela?

Ĉu estas ŝi malmilda? Ne, miela!
Ĉu estas ŝi pli frida? Ne, pasia!
Ŝi estas rev', siren', Venus' gracia,
lilio blanka, roz' sovaĝe hela.

Do, kion viro serĉas kun obstino?
Ĉu trovi la virinon eskvizitan?
aŭ temas pri amuz' sen ludo-fino?

Ne, li ne celas inon pli incitan;
konsistas la plezuro, cel' sen limo:
serĉi, sen trovi la virinon mitan.



La grandajn konceptojn li analizas kun akuta sentiveco, samkiel li faras, kiam temas pri Amo, per kio facile videblas lia vasta kulturo kaj talento. Jen kiel li difinas Amon:

**Difinante Amon**

Ĝi estas neĝ' kaj fajro, frida varmo,
glaci' kaj brulo, vundo ne dolora,
feliĉa rev' kaj tamen plej angora,
ripoz' laciga kaj ĉagren' kun ĉarmo...

Ĝi estas tim-kuraĝo, rid' kaj larmo,
profunda sent' en la silent' sonora,
senzorgo kun impulso tre fervora,
ja tio estas pura Am' sen garno.

Ĝi estas plenliber' en mallibero,
kaj kredas amikecon tute vana,
plezuron sentas ene de l' sufero...

Amor' ĝin skuas, ofte uragana,
ĝi estas Paradizo kaj Infero,
espero, vivo, mort' kaj flam' vulkana!

La poemoj satira-burleskaj de Quevedo estas terure mordaj. Ni citu kiel ekzemplon kelkajn versojn de la poemo "Al unu viro granda-naza", (admirinde tradukita al Esperanto de la majstro Fernando de Diego), eble plia moko verkita kontraŭ lia rivalo, la fama poeto Gongoro, kies nazo ja grandis kaj kies originon li suspektis juda. La versoj diras:

Pri viro temas, apendic' de nazo,
pri nazo temas, ja superlativa,
pri alambiko temas, duonviva,
pri spado-fiŝo de aĉ-barba klaso,

ktp.

Kiel prozisto, Quevedo estas aŭtoro, interalie, de la fama pikareska romano "Historio pri la vivo de El Buscón Don Pablos", unu el la plej elstaraj en tiu ĝenro iam ajn verkitaj en la hispana literaturo.

Kiel politikulo, li ĝuis feliĉajn horojn, kiam li intervenis en diplomatiajn aferojn kun la duko de Osuna en Italio, sed ankaŭ vivis terurajn jarojn da ekzilo, karcero kaj suferoj.

Tre malsana, li serĉas izolecon en aparta vilaĝo kaj fine forpasas en Villanueva de los Infantes en 1645.

*Antonio MARCO BOTELLA*



## FELIĈAN JARON 1995!

La Prezidanto kaj Estraro de **HEF**, same kiel la Redakcio de Boletín, esprimar al ĉiuj plej sincerajn bondezirojn por la nova jaro.
Sukceson en viaj poresperanta agado,
kaj feliĉan jaron 1995!

# JARABONOJ KAJ KOTIZOJ POR 1995

Hispana Esperanto-Federacio

Ordinara membro (OM) . 3.000
Emerita membro, Juna membro, Senlaborulo . . . . . . . . . 2.250
Speciala abono por HEF-asocioj po 10 ekz. . . . . . . . . . 15.000
Dumviva Membro . . . . 200.000
Eksterlandanoj . . . . . . . 50 gld

Uzu la konton de HEF ĉe Caja Postal n-ro 14.011.966. Oni ne pagas aldonan koston kaj eblas transdoni la monon en ajna oficejo de Caja Postal (la Poŝto) en urboj kaj vilaĝoj.

Universala Esperanto-Asocio

Membro-abonanto (jarlibro + revuo) . . . . . 5.000
Abono al la revuo Esperanto 3.200
Abono al Kontakto . . . . 2.100
Abono kolektiva al Kontakto (ses numeroj) . . . . . . . . 1.260
Membro kun jarlibro (ne la revuo) . . . . . . . . 2.000
Membro kun gvidlibro . . . . 800

"Monato" (aere: 5.320 ) . 4.500
La jaro . . . . . . . . . . . . . 730

Peranto: Juan Azcuénaga Vierna, Gral. Dávila, 127, Portal 7, 2/izq. 39007-SANTANDER. Konto: Caja Postal, n-ro 3548531.

"Heroldo de Esperanto" . 2.990
"Internaciisto" . . . . . . . 1.500

"KAE-Informilo" . . . . . . . 800

Peranto: Luis Serrano Pérez; Font Nova, 32. E-08202 SABADELL.

SAT-membro (baza kotizo) . 1.500
Jarabono "Sennaciulo" . . 1.800
Abono "Sennacieca Revuo" . 450

Oni atentu jenajn rimarkojn:

1) SAT-membro deziranta ricevi la socian organon "Sennaciulo", devas krome pagi ties abonon.
2) Ĉiuj membroj, escepte de la familianoj, aŭtomate ricevas la dujaran SAT-adresaron kaj la jaran kajeron "Sennacieca Revuo" sen plia abonpago.
3) Help- kaj grup-kotizantoj pagas minimume la duoblon de la baza kotizo.
4) Emeritoj, senlaboruloj, gejunuloj (ĝis 25) pagas duonon de la baza kotizo.
5) Junaj kaj senlaboraj membroj, nur pagas la duonon de ties abontarifo.

"Kajeroj el la sudo" . . . . . . 800
"La Kancerkliniko" . . . . 3.000

Peranto: Nicolas Gil Carballo, konto ĉe Caja Postal n-ro 2-9.85.039.477, sen aldonaj kostoj. Adreso: Ap. 305. 24080 LEON.

"Eŭska Kverko" (4 n-roj) . 1.000

Peras: Grupo Esperantista de Bilbao; Barrenkale Barrena, 7, 1; E-48005 — BILBAO.

**Ĉiuj prezoj estas en pesetoj —**

